# Esperanto en Azio

**(Komisiono de UEA pri Azia Esperanto-Movado)**

**N-ro 92**

Bulteno de KAEM

Julio 2016

---

## Ni kune sukcesigu la 8an Azian Kongreson




Temo: "Esperanto por azia kunlaboro en reta epoko"
Dato: inter la 3-a kaj la 6-a de novembro en 2016
Urbo: la urbo Quanzhou en la provinco Fujian, 中国福建省泉州市
Kongresejo: HUAQIAO-Hotelo
(Quanzhou Overseas Chinese Hotel,泉州华侨大厦)

1# Baiyuanlu, Lichengqu, Quanzhou urb,
Fujian-provinco, Ĉinio, CN 362000
**http://www.overseaschinesehotel.com**

**Kie estas Quanzhou?**




La 8-a Azia Kongreso de Esperanto okazos en la urbo Quanzhou de la provinco Fujian inter la 3a–6a de novembro 2016, samtempe kun la 5a ILEI-Seminario en Orienta Azio (la 5a ISOA). Ĝi havos riĉan programon kaj multajn ekskursojn en la urbo Quanzhou kaj ĝia ĉirkaŭaĵo en perfekte agrabla vetero.

## ALVENO AL LA KONGRESEJO

- De la internacia flughaveno Gaoqi en la urbo Xiamen prenu rektan buson (25 seĝoj) al la hotelo Quanzhou Huaqiao (kongresejo).
Horaro: 09:30, 11:30, 13:30, 15:30, 17:30, 19:30.

- De la fervoja stacidomo Xiamen aŭ Xiamenbei:
1e: Prenu aŭtobuson de la flughaveno al la stacidomo;
2e: Prenu trajnon al Quanzhou;
3e: Prenu buson n-ro 3 al la hotelo Quanzhou Huaqiao (kongresejo).

- De grandaj urboj en Ĉinio (ekz. Beijing, Shanghai, Guangzhou) flugas aviadiloj al la internacia flughaveno Jinjiang en la urbo Quanzhou. De la flughaveno Jinjiang prenu buson n-ro 16 al la hotelo Quanzhou Huaqiao (kongresejo).

- De Kantono, Xiamen k.s. uzeblas aŭtobuso al Quanzhou.

## LAŬTAGA PROGRAMO (provizora)

**Ĵaŭde, 3-a novembro**

08:30 - 20:00 Akceptado en Huaqiao-Hotelo (Kongresejo)
14:00 - 17:00 Prelegoj (temoj ankoraŭ nedeciditaj)
* E-kurso por komencantoj * ILEI-kunsido * KAEM-kunveno (I)
19:00 - 21:00 Interkona Vespero

**Vendrede, 4-a novembro**

10:00 - 11:30 Inaŭguro
14:00 - 17:00 Kunsido pri E-movado en Azio (delegitoj kunsidos)
14:00 - 17:00 Eduka programo - la 5a ILEI-Seminario en Orienta Azio
- 14:00 - 14:30 Ĉefa prelego
- 14:30 - 14:50 Prelego 1
- 14:50 - 15:10 Prelego 2
- 15:10 - 15:30 Prelego 3
- 15:40 - 16:20 Raportoj pri E-instruado kaj lernado en Azio
- 16:20 - 17:00 Diskutado

19:00 - 21:00 Nacia Vespero

**Sabate, 5-a novembro**

09:00 - 12:00 Prelegoj (temoj nedeciditaj), KAEM-kunveno (II)
09:00 - 11:30 Eduka programo
- 09:00 - 09:30 Modela leciono 1 (aŭ Prezento de E-kurso)
- 09:30 - 10:00 Modela leciono 2
- 10:00 - 10:30 Modela leciono 3 (aŭ Prelego)
- 10:40 - 11:30 Diskutoj pri E-eduka movado en Azio (kunlaborado)

14:00 - 17:00 Promeno tra Quanzhou
19:00 - 21:00 Internacia Vespero

**Dimanĉe, 6-a novembro**

09:00 - 11:30 Vizito al Quanzhou-muzeo
14:30 - 15:30 Fermo

***Paraleleokazos ankaŭ la 10-a jarkunveno deIKEF-Ĉinio (komercistoj).**
***Kelktaga postkongresa ekskurso planata.**

**1) Aliĝkosto (Kongresa kotizo laŭ UEA-kategorio):**
60 eŭroj por A-landoj,
30 eŭroj por B-landoj /junulo malpli-ol-30jara/kunulo/handikapulo.
A: Ĉiuj landoj escepte de tiuj de kategorio B.
B: Iamaj socialismaj landoj de Eŭropo; ĉiuj landoj de Azio (escepte de Israelo, Japanio, Korea Resp.), Afriko kaj Latina Ameriko.

**2) Loĝkosto:**
100.00 eŭroj por persono (25.00 euroj/nokto/lito *4 noktoj).
Tiuj, kiuj volas uzi unulitan ĉambron, oni devas pagi 200 eŭrojn.
*RIMARKIGOJ La prezo (loĝkostoj) estas por persono en eŭroj (1 eŭro = 7.50 RMB); la indikitaj loĝkostoj inkluzivas 4 tranoktojn kaj matenmanĝojn.

**3) Limdato:** La limdato por la pago de la kongresa kotizo kaj hotelmendo estas la 10-a de oktobro 2016.
Eblas aliĝi al la kongreso pli poste aŭ eĉ surloke, sed tiakaze vi devas mem zorgi tranoktejon.

4) Aliĝu al la kongreso kaj mendu hotelĉambron prefere sendante retmesaĝon al la Loka Kongresa Komitato aŭ tra ĝia retejo.
La kotizo estu ĝirota al UEA-konto aekm-d (kun mencio "por la 8-a Azia Kongreso") aŭ pagota al landa peranto ĈEL, JEI, aŭ KEA (pri perantoj en aliaj landoj, informiĝu ĉe la kongresa retejo.)

LKK: retadreso: aziakongreso@163.com Fakso: +86 10 68337118
Telefono: +86 10 68321808; +86 10 68995937
**Retejo: http://www.esperantoazia.net/**
Pri detalaj informoj (inkluzive de loĝado) havu kontakton kun LKK

**Historieto de Azia Kongreso**

La 1a Azia Kongreso: en 1996 en Ŝanhajo (Ĉinio)
La 2a Azia Kongreso: en 1999 en Hanojo (Vjetnamio)
La 3a Azia Kongreso: en 2002 en Seulo (Koreio)
La 4a Azia Kongreso: en 2005 en Kathmanduo (Nepalo)
La 5a Azia Kongreso: en 2008 en Bangaloro (Barato)
La 6a Azia Kongreso: en 2010 en Ulanbatoro (Mongolio)
La 7a Azia Kongreso: en 2013 en Jerusalemo (Israelo)

# Irano

## Irana Esperanto-movado 100-jariĝis




La Tria Irana Esperanto-Kongreso okazis la 13an de majo 2016 en Tehrano, ĉefurbo de Irano. La kongreso samtempis kun la 100-jariĝo de Irana E-movado.

Kvankam Irano estas historia kaj antikva lando kun riĉa kulturo kaj vidindaj urboj kaj ankaŭ belaj pejzaĝoj, tamen kontraŭ du pasintaj jaroj la kongreso ne havis eksterlandajn gastojn. Eble la tempo de la kongreso ne estis taŭga, ĉar estis proksima al la universala kongreso kaj evidentas, ke oni preferis partopreni en la universala kongreso. Ankaŭ, almenaŭ laŭ mi, unutaga kongreso ne estas tre interesa por la eksterlandaj esperantistoj kaj ne allogas ilin. Ĉiaokaze, ni bezonas pli da sperto, ĉar ni ankoraŭ estas sur la komenco de la longa vojo.

Irano ĉi-jare ankaŭ estis atestanto de la plej granda E-kunveno en si mem. Kelkaj de tre malproksimaj urboj kiel Gheŝm aŭ Kangavar estis

gastoj de la kongreso. Kelkaj unuan la fojon partoprenis en iu E-evento. Inter la gastoj kelkaj vizaĝoj por mi ne estis konataj kiel s-ro Daneŝ, maljunulo, kiu antaŭ multaj jaroj konatiĝis kun Esperanto kaj pro ia kaŭzo longan tempon malproksimis de ĝi, kaj nun trovis sin mem en la granda Esperanto-kunveno.

Ankaŭ mi surpriziĝis vidi mian amikon, Saed Abbasi, kiu nun loĝas en Ĉinio. Tiaj renkontiĝoj ankaŭ estas unu el mirindaĵoj de Esperanto. Ni partoprenis en Esperanto-kurso de profesoro Saheb Zamani. Tiu kurso okazis en universitato Ŝahid Beheŝti, eble antaŭ 17-18 jaroj. S-ro Abbasi tiam estis studento de la ĉina lingvo en la sama universitato. Li nun estas unu el la aktivaj esperantistoj en Ĉinio.

Ĉeesto de la virinoj en tiu ĉi kongreso estis okulfrapa kaj admirinda. Ilia rolo en disvastigo de Esperanto estas nerefutebla. S-ino Solat, nuna prezidantino de Irana Esperanto-Asocio, s-ino Emrani kaj s-ino Fahmi, pioniroj, kaj ankaŭ f-ino Karimi, membro de "Tradukejo" estas aktivaj virinoj de Irana Esperanto-movado. Indiko al ĉiuj nomoj kaj aktivecoj kompreneble postulas apartan artikolon.

Kiel pli antaŭe menciiĝs, en la Kongreso oni povis vidi junajn, pionirojn, s-inojn, maljunajn homojn kaj eĉ infanojn, ĉiuj sub la verda stelo. Ĉi-jare la kongreso havis ankaŭ islaman teologan gaston; d-ro Mejdani, kiu estis unu el la prelegantoj kaj parolis pri historio de Esperanto. Ju pli multe da tempo pasas, des pli multe da homoj el ĉiu grupo komprenas gravecon de Esperanto, ĉu ne?

Dum la paŭzoj inter la programeroj oni povis viziti libroservon. La libroservo situis en angulo de la salono. Kelkaj vizitantoj nur rigardis la librojn kaj iliajn titolojn. Kelkaj aliaj prenis unu libron, foliumis kelkajn paĝojn kaj gustumis ĝin. Ĝuo de la rekta legado en alia lingvo, precipe en Esperanto, estas bona kaj dolĉa sento, ĉu ne? Tamen mi pensas, ke ni bezonas pli novajn paperajn librojn.

Dank' al kontribuoj de la geesperantistoj, la kongreso havis interesajn kaj memorindajn partojn, kiel paroligan kurson, kiu fakte kuraĝigis gekomencantojn por paroli, 20-demandan konkurso, aŭdindajn prelegojn kaj ankaŭ kelkajn surprizaĵojn, kiujn mi indikos.




Unua preleganto estis s-ro Kousari, kiu bonvenigante 100-jariĝon de Irana E-movado parolis pri "Iranaj pioniroj dum 100 jaroj". "La angla kaj Esperanto, ne malamikoj" estis titolo de la prelego de d-ro Sufi.

Alia programero estis prezentado de Tradukejo, virtuala laborbutiko de la tradukado el Esperanto al la persa. La modesta kaj senpretenda grupeto estis/as sub gvido de skribanto de tiuj ĉi linioj. Dum tiu prezentado ankaŭ inaŭguris du tradukitaj libroj el Esperanto al la persa, kies originalaj nomoj estas "Renkontoj kun diferenculoj" kaj "La fiŝisto kaj lia edzino". La skribanto de tiuj ĉi linioj elektis trdukitan rakonton el "Renkontoj kun diferenculoj" kaj laŭtelegis ĝin. Tiu rakonto, kiu estis pri problemoj de maljuneco, vekis emociojn kaj sentojn de la spektantoj. Ĉu vi ankaŭ deziras aŭskulti citaĵon el tiu rakonto? Jen tio: "Maljuneco kaj morto atendas nin ĉiujn kaj ne eblas tion ŝanĝi. Tial estas grave ĝoji pro ĉiu momento pasigita kun homoj, kiujn ni amas."

"Ĉu la persa lingvo havis influon al la urbonomoj?" estis interesa prelego de d-ro Sajadpour. "Bezonendaj: tuttempaj esperantistoj" kaj "Irana ĝardeno kaj floro" estis titoloj de aliaj prelegoj, kiujn laŭvice faris inĝeniero Mamduhi kaj s-ro Zandi.

Fine mi devas indiki al prelego de s-ro Modaber pri "Esperanto-fako en Ampleksa Sciencaplikata Universitato". Li anoncis surprizan novaĵon. Irana Ampleksa Sciencaplikata Universitato agnoskis Esperanton. La universitato lanĉis tradukajn modulojn de Esperanto. S-ro Modaber aldonis, ke tiuj moduloj laŭ kondiĉoj havas eblecon de fariĝo al la faka studo, kiel aliaj fakaj studoj.

Tiele la tria Irana Esperanto-kongreso sukcese finis sian laboron. Espereble en la venonta jaro kun gajnitaj spertoj, la kvara kongreso estu gastiganto de iranaj, kaj precipe, eksterlandaj geesperantistoj.

Amir FEKRI

## Nova Komitato de Irana Esperanto-Asocio

Antaŭ du monatoj oni elektis novajn komitatanojn de Irana Esperanto-Asocio:

Gesinjoroj Solat, Emrani, Mamdoohi, Sayadpour, Khosroabadi, Kosari, Sufi, kaj Fekri

Poste oni elektis novan estraron:

S-ino Solat (prezidantino), s-roj Fekri kaj Sayadpour (vicprezidanto), s-ino Emrani (kasistino), s-ro Khosroabadi (sekretario)

# Israelo

## La Tel-Aviva E-klubo translokiĝis

Dum preskaŭ duona jarcento la Tel-Aviva E-klubo kunvenis en la komunuma centro "Bikurej Haitim". LUNDE la 7an de marto ni translokiĝis al nova klubejo. Ĝi situas ne tre for de la antaŭa loko, en la sidejo de WIZO, avenuo David Hameleh 40.

En la programo (18:00-19:15) ni gustumis la memorlibron de Josi, kiun ni intense finpreparis, kaj rememorisi anekdotojn el la vivo de Josi. Poste, je la 19:30 okazis estrarkunsido, al kiu, kiel kutime, ĉiuj interesiĝantoj estis invitataj.

Fine oni decidis, ke ĉi-jare la tradicia Somer-Fina Esperanto-Renkontiĝo (SFERo) okazos la 29an de aŭguto en la nova klubejo.




Ĝustatempe por la UK ELI eldonis novan KD-n kun israelaj kantoj en E-o.

Amri Wandel,
Prezidanto de ELI
amri@huji.ac.il

**Ĉinio**

## La 9a Esperanto-Kongreso de Nordorienta kaj Interna Mongolio




La 9a Esp-Kongreso de Nordorienta Ĉinio kaj Interna Mongolio (provincoj Heilongjiang, Jilin, Liaoning kaj la Aŭtonoma Regiono de Interna Mongolio okazis la 27an – 29an de majo 2016, en la ĉarma urbo Harbino, prov. Heilongjiang, Ĉinio, kie disfloras siringoj, kiun ĉeestis 69 ges-anoj el diversaj lokoj de la lando kaj el Koreio, Finnlando.

La Kongreso inaŭguris en la himno La Espero. La respondeculoj de Esp-Asocioj de la tri provincoj kaj Interna Mongolio raportis pri la laboro per kaj por Esp-o de propraj lokaj asocioj, ke nia loka Esp-movado persiste prosperas, tio ankaŭ akcelis la landan Esp-movadon. La kontinua okazigo de nia regiona Esp-Kongreso fariĝas modelo de Esp-movado en nia lando. Precipe en urbo Harbino sukcese okazis dum 8 jaroj sinsekve Esp-kursoj por junaj studentoj, en kiuj jam pli ol 550 studentoj lernis nian karan lingvon Esp-on. Dum ĉi-foja Kongreso junaj ges-anoj, ekz. S-ino Liu Jinhuan (Ora) k.a. jam kapablis lerte prezidi la Interkonan Vesperon, Inaŭguron kaj Fermon. La ĉeestantoj prelegis kaj diskutis pri la kongresa temo: Per reto por

disvastigi Esp-on. Eĉ juna f-ino Hao Huan improvize por komencantoj ĉinigis la prelegon de s-ro Ho Song, la ĝenerala sekretario de Korea Esp-Asocio. Dum la inaŭguro s-ano Jiang Limin, sekretario de Ĉina Esp-Ligo, s-ano Zhao Jianping de Ĉina Radio Internacia faris al la kongresanoj la salutparolojn.

Dum la Kongreso ĉeestantoj turisme vizitis, en la manoj tenante la verdstelajn flagojn, la bordon de la ĉarma Songhua-rivero, la placon de Sankta Sofia Katedralo kaj la eŭropstilan Centran Straton. En la parko Insulo Suno ges-anoj ĝoje, eĉ delice piknikis, kantis kaj dancis.

Dum la kongreso okazis la konkurso paroli esperante por gejunuloj, kiuj, kvankam estas komencantoj, tamen klopodis esprimi sian amon al Esp-o. Ĉinaj kaj eksterlandaj esp-istoj juĝis iliajn parolojn kaj donis laŭdon aŭ instigon.

LKK de la Kongreso ricevis salut-leterojn de s-ano Lee Jung-kee, komitatano de UEA, s-ano Hori Jasuo, eks-prezidanto de KEAM, s-ano Genadij Ŝlepĉenko, prezidanto de Esp-klubo Pacifiko de urbo Vladivostok, Rusio.

Dum la kongreso la juna artisto s-ro Tian Chengkun faris la privatan ekspozicion de papertondaĵoj, kaj la portretoj de Zamenhof per paperoj tonditaj de s-ro Tian gajnis mirajn laŭdojn de ĉiuj ĉeestantoj.
Samideanoj el urbo Dandong transprenis la kongresan flagon de la mano s-ino Song Ping, sekretariino de Heilongjiang-a Esp-Asocio, kaj invitis ĉeeston al la 10a Esp-Kongreso, kiu okazos en bela marborda urbo Dandong, prov. Liaoning dum la somero de 2018.

Shi Chengtai

## LEA kunlabore festos la Esperanto-tagon

La 16-an de junio 2016 reage al mesaĝo de s-ro Renato Corsetti pri " Estas tempo por babili kaj projekti kaj tempo por agi" mi menciis "La jaro 2016 estas la kunlabora jaro de Liaoning-provinca Esperanto-Asocio). La 16-an de julio LEA kaj Liaoning Internacia Ekonomia kaj Kultura Klubo kune festos la Esperanto-tagon kaj la 1-a datrevenon de la klubo en Xiyuan Geedziĝa Kultura Parko de Shenyang.

Hieraŭ ni publikigis tiun novaĵon, hodiaŭ 40 homoj aliĝis al la du festoj".

Nun kun granda ĝojo mi informas ke 110 personoj aliĝis al la festoj, i.a. gastoj el Singapuro, Koreio kaj Niĝerio. La festoj konsistas el du partoj: granda prezento kaj vina vespero. i.a. la prezento distriĝos kune kun vizitantoj en la parko per interagado. La famaj komponisto kaj kantoteksta verkisto speciale faris por la du festoj la teman kanton "Ni kunligas ĉiun". Aliĝintoj kaj subtenantoj el la ekonomia rondo donacis 9650 juanojn RMB kaj 82480 juanojn da donacaĵoj (ekz. 30 boteloj da vino,40 botelo da sorgobrando, teo kaj tiel plu).

La provinca kaj urba radioj kaj televidaj stacioj sendos famajn prezidantojn de programoj kaj raportistojn tutprocese prezidi kaj intervjui la festojn. Nun ni ne povas ne reanticipi ke pli ol 200 personoj aliĝos al la festoj, miloj da vizitantoj surloke spektos la festojn, milionoj da popolo informiĝos pri la festoj per radio kaj televido en la venonta tago. Oni scios pri Esperanto, ekz. kio estas Esperanto? Kial la tutamondaj esperantistoj festos la Esperanto-tagon en julio? kaj tiel plu.

Wu Guojiang, vic-prezidanto de LEA amikeco999@21cn.com

## La 5-a Nordorienta Azia Internacia Forumo

Inter la 27-a kaj 29-a de majo 2016 la 5-a Nordorienta Azia Internacia Forumo pri Lingvoj, Literaturo kaj Traduko okazis en Langfang Normala Universitato en Hebei, kun pli ol 100 specialistoj kaj erudiciuloj en- kaj ekster-landaj. S-ro Song Yunsheng, prof. Zhang Zhiming kaj prof. Zheng Fangshun el LEA (Liaoning-provinca Esperanto-Asocio) estis invititaj al la Forumo, i.a, s-ro Song Yunsheng kiel vicprezidanto de la forumo ĉeestis.

Grandan atenton vekis la du libroj, "Historio de Liaoning Tradukita Literaturo" verkita de s-ro Song Yunsheng, kiu prezentas kvar esperantistojn, kaj la seslingva konversacia libro "100 Frazoj: Ĉina, Angla, Rusia, Korea, Japana kaj Esperanto", kies ĉefredaktoro estas prof. Zheng Fangshun kaj Esperanto-versio estis plenumita de s-ro Wu Guojiang.

Wu Guojiang, Vicprezidanto de LEA, Ĉinio

# Pakistano

## Internacia Junulara Renkontiĝo en Islamabado

---

La 7an-9an de oktobro 2016 la 1-a Internacia Junulara Renkontiĝo de Esperanto kun temo 'Kunordigo kaj Kooperado inter Junularo' okazos en Islamabado, la ĉefurbo de Pakistano.

Programo:
La 7-an de oktobro, vendrede: Registrado kaj Interkona Vespero
La 8-an oktobro, sabate: Prelegoj, Diskutoj, Kursgvidado, Muziko, Poezlegado ktp
La 9-an de oktobro, dimanĉe: Tuttaga Ekskurso kaj adiaŭo

Aliĝkosto: 20 Eŭroj

Kontaktpersonoj:
Adeel Butt, LKK-ano por Internaciaj ĉeestontoj
Ammad Ĥan LKK-ano por Pakistanaj ĉeestontoj

Kontaktdetaloj:
jepoficejo@gmail.com aŭ adeelbutt@asia.com
+92-31-35 363 211 (vacapo, viber)
WeChat/Line: liberulo

# Vjetnamio

## Brilaĵoj de Vjetnama Esperanto-movado en 2016

Laŭ sia 2016 plano, Vjetnama Esperanto-Asocio (VEA) celebros la 60-an datrevenon de sia fondiĝo (VEA-60) kadre de la Zamenhofa Tago. Tiu solenaĵo estos speciala okazo por VEA fari la bilancon de siaj atingaĵoj dum la pasintaj 60 jaroj, esprimi sian dankemon al monda esperantistaro pro ilia subteno; laŭde citi la elstarajn kolektivojn, individuojn; ebligi komunikadon inter malsamaj generacioj de esperanto-parolantoj, naciaj kaj eksterlandaj.

La konkretaj agoj fare de vjetnamaj esperantistoj omaĝe al la 60-a jubileo de Vjetnama Esperanto-Asocio (1956-2016):

**1. La Granda Esperanto-Vjetnama Vortaro aperos en novembro**

Jen konciza informo pri la vortaro:

- 10 652 kapvortoj, Formato: 14 x 21 centimetroj
- ĝisdatigita per novaj terminoj pri politiko, ekonomio, kulturo, socio, scienco, teknologio.
- uzo de simplaj vortoj, spegulantaj ĉiutagan vivon, bazitaj sur la kapableco de Esperanto krei vortojn
- aldono de nomoj de homoj kaj lokoj de Vjetnamujo kaj de najbaraj aziaj landoj,
- terminaro de religioj, filozofioj disvastiĝintaj en Azio.

**2. Vjetnama versio de "Memoroj pri Japana Katastrofo" de Hori**

Vizitinte multfoje la regionojn de Toohoku suferantajn pro la cunamo kaj nuklea katastrofo de la jaro 2011, s-ro Hori Jasuo rakontis siajn impresojn tra 159 poemoj en prozo kun fotoj. Inter la vjetnamaj esperantistoj, kiuj legis tiun libron okaze de la legkonkurso, Esperanto-Sumoo, iniciatita de la aŭtoro por promocii ĉiutagan legadon de libroj en Esperanto, estis nia kolegino Le Thi Cao Truong (Alta). Ŝi ne nur legis la tutan libron, sed ankaŭ tradukis ĝin en la vjetnaman lingvon kun celo konatigi tiun emociigan verkon al la vjetnama publiko. Malgraŭ malsimileco inter la japana kaj vjetnama kulturoj, la tradukinto sukcesis fidele esprimi la sentojn de la aŭtoro.

**3. La aventuroj de Zemen**

La rakonto estis tradukita per Nguyen Minh Kinh (1914-2002), Honora Membro de UEA, kaj eldonita en la jaro 1963. Ni legas ĉe la komenco porinfanan fabelon kaj ni malkovras ĉe la fino fablon por plenkreskuloj - mirindan alegorion pri la homa situacio.

VEA reeldonas tiun verkon bitlibre. La enhavo de la originala versio estas plene konservita; ni nur korektas eventualajn tajperarojn, kaj redonas al la kovrilpaĝo kaj al la ilustritaj bildoj la freŝecon de iliaj unuaj tagoj.

VEA deziras, ke la tutmonda esperantistaro subtenos kaj kuncelebros la “VEA-60”-n per kunlegi tiun-ĉi rakonton en septembra aŭ novembra Sumoo.

## LA KVARA SOMERA RENKONTIĜO (SOREN 4)

Lastan semajnfinon, la 2an kaj la 3an de julio, Vjetnama Esperantista Junulara Organizo (VEJO) okazigis la 4an Someran Renkontiĝon (SOREN 4). Ĉi-jare la evento estis organizita en Cat-Ba-Insulo – fama turisma loko de Hajfongo-urbo.

Partoprenis la renkontiĝon 50 personoj. Inter la partoprenantoj estis franca esperantisto Matthieu Napishtim kaj du tajaj junaj esperantistoj Wongsakorn Teerakanok kaj Warut Bunprasert. Krom la partopreno de esperantistoj de Hanojo, ĉi-foje organizantoj ankaŭ bonvenigis esperantistojn loĝantajn en la suda kaj meza partoj de Vjetnamio: s-ino Nguyen Hoa el Hoĉimin urbo kaj s-ino Tran Thi Thu Suong el Hue.



Sabate posttagmeze, la programo oficiale komenĉiĝis per vizito al Cat-Ba Nacia Parko, kiu estas tre konata pro sia diverseco de naturaj

ekosistemoj. Gvidis la esperantistan grupon loka ĉiĉerono. Li montris kaj multe klarigis al vizitantoj pri tiea faŭno kaj flaŭro. Danke al li, aŭskultantoj informiĝis pri kutimoj de bestoj kaj utiloj de kelkaj lignarboj vivantaj en la parko. Antaŭ ol foriro, ĉiuj faris komunan foton.

Post la vizito al la parko, ĉiuj direktiĝis al marbordo. Atinginte la plaĝon, esperantistoj estis surprizitaj pro fortaj ondoj kaj precipe pro la homamaso tie. Ĉie troviĝas kaj infanoj kaj plenkreskuloj, naĝantaj aŭ ludantaj sur la plaĝo aŭ kuŝantaj ĝui maran venton kaj odoron.

Vespermanĝinte, SOREN-partoprenantoj ĉeestis Interkonan Vesperon. Kadre de la programo, reprezentanto de VEA prezentis pri festo de Esperanto-Tago: Pri kio la tago temas kaj kion fari por festi. La du tajaj junaj esperantistoj ankaŭ kontribuis al la vespera programo per tajaj tradiciaj kantoj, kio multe varmigis la etoson. Krome, Kora – vjetnama junulino kundividis al ĉeestantoj sian sperton en Esperantujo kaj sian propran opinion pri la neŭtrala lingvo. Fermiĝis vespera renkontiĝo, venis nokta kunveno. Gejunuloj eksteren iris por lerni francan tradician dancon alportitan de Matthiew, kaj kantadis kaj babiladis ĝis la noktofino.

Dimanĉe, agado ĉefe okazis ĉe marbordo. Gejunuloj ludis tradiciajn ludojn de Vjetnamio. Poste, ni fordonis sin al la maro, naĝante, ludante kun ondoj kaj sablo. Tempo tre rapide pasis. Jam venis tagmezo. Ĉiuj rapide revenis hotelon por tagmanĝi kaj aranĝi aferojn por revenvojaĝo.

Dum ĉi-jara SOREN, organizantoj ankaŭ lanĉis fotografian konkurson kun la celo, ke pere de la fotoj partoprenantoj konservu belajn kaj memorindajn momentojn de la evento. Survoje reveni Hanojon, VEJO anoncis kaj premiis la gajnitojn de la konkurso. La premiitoj kundividis kun aliaj partoprenantoj siajn donacojn kiu estas intimaj vjetnamaj specialaĵoj. Ĉiuj estis tre dankemaj al ilia bonkoreco kaj ĝoje ĝuis la donaceton. Ŝajne, ke tio estis ĝojeto por ĉiuj partoprenantoj je la fino de du-taga vojaĝo de SOREN 4.

VEA-Prizorganto pri Informado Hoan Tran <hoantran37@gmail.com>

# Indonezio

## Nuna Movado de Indonezio

Ekde la fondiĝo de Indonezia Esperanto-Asocio (IEA) la 7an de aprilo 2013, la Indonezia movado eniras al la nova periodo. Tiam la indonezianoj interkonsentis kunlabori kaj progresigi la movadon. Certe Indonezio estas granda lando kaj konsistas el multe da insuloj, pro kio la geografia fakto estas unu de defioj por disvastigi la lingvon. Tial la movado nun ankoraŭ okazas nur en la kelkaj partoj de lando.

En Ĝakarto, kiel ĉefurbo de Indonezio, jam troviĝas Esperanto-klubo “Esperiga Suno”, kiu estis starigita en oktobro 2010. Tiu klubo malfermiĝas por ĉiuj, kiujn loĝas en Ĝakarto kaj apudaj urboj kiel Bogor, Depok, Tangerang kaj Bekasi. Ĝakarta klubo havas regulan kunvenon unufojon monate ĉe iu manĝplaco de magazeno en la centro de la urbo. En la kunveno la klubanoj kaj novuloj povas kunlerni Esperanton laŭ du aŭ tri niveloj; komencantoj, komencintoj kaj progresantoj kaj forumo por respondi demandojn rilate al movado kaj Esperanto-agadoj. Ekde sia stariĝo, Ĝakarta klubo jam enkondukis Esperanton al pli malpli 500 homoj, kiuj venis al sia kunveno. Ĝakarta Esperanto-klubo ankaŭ aktive propagandas Esperanton al ĝenerala publiko en Esperanta kampanjo, ekzemple la 26an de Julio en Esperanto-tago kaj Zamenhof-tago.

En Bandung, kiel ĉefurbo de okcidenta javo, ankaŭ troviĝas Esperanto-klubo “Ruĝa Formiko”, kiu ekzistas sub la gvido de Azia Afrika Konferenco-Muzeo. La klubo jam sukcesis kunlabori kun kelkaj universitatoj en Bandung por okazigi mallongan enkondukon de Esperanto. Plejparte de la klubanoj estas studentoj kaj lernantoj de alt-lernejo en Bandung.

En aliaj urboj, kiel en Jogjakarto, Medan, Batam kaj Balio troviĝas Esperanto-grupetoj, eĉ kiuj malofte kunvenas, tamen ili sufiĉe aktivas en socia medio,; fesbuko, instagram, LINE kaj tiel plu.

Por subteni kaj progresigi la movadon, IEA agadas multe pri informado kaj edukado. Temas pri informado, IEA utiligas la disponeblajn kanalojn de socia medio. Krom tio, lastjare la 4an de

oktobro, la asocio sukcesis konstrui oficialan retejon ĉe www.esperanto.id. En ĝi oni povas trovi multajn informojn pri IEA, membreco, E-kursoj kaj movado. La retejo disponiĝas en tri lingvoj; la indonezia, Esperanto kaj la angla. Intertempe pri edukado, la asocio re-eldonis lernolibrojn de Stano Marcek, kiu jam estas tradukita indonezien "Esperanto dengan Metode Langsung" pro la subteno de KAEM kaj Ŝlosilo "Kunci". Oni povas mendi kaj aĉeti la libron per reta vendejo. Nuntempe IEA laboras por lanĉi retan kurson de baza nivelo, kunlaborante kun iu germana esperantisto. IEA ankaŭ komencas kunlabori regione kun najbara lando. Ekzemple ĉi-jare IEA, AEA (Aŭstralia Esperanto-Asocio) kaj NZEA (Nov-Zelanda Esperanto-Asocio) kunorganizis la 1an Trilandan Kongreson en la urbo Bandung kaj interkonsentis okazigi la duan en 2018. Intertempe IEA daŭre kunlaboras kun diversaj landaj asocioj rilate al interŝanĝo de movada informo per artikoloj.

La vojo ne estas facila kiel volontulo de movado, tamen la nuna estraro de IEA kredas, ke kune ni povas esti pli forta kaj multe pli efike kunlaboras por nia landa movado kaj eble ankaŭ por Azio.

Ilia: iea@esperanto.or.id – Indonenzia Esperanto-Asocio

# Nepalo

## La 12-a Internacia Himalaja Renkontiĝo, 2017

La Nepala Esperanto-Asocio ĝojas anonci la 12an Internacian Himalajan Renkontiĝon por konigi sian landon al alilandaj esperantistoj. Apenaŭ ekzistas iu lando en la mondo, kiu povus rangi samnivele kun Nepalo rilate naturan, etnan kaj kulturan diversecon. Partoprenante la renkontiĝon, vi havos ŝancon formi vian propran bildon de la lando kaj samtempe konatiĝi kun lokaj kaj alilandaj esperantistoj, kiuj partoprenos la saman programon.



**Himalaja Renkontiĝo en 2016**

Vi pasigos la unuajn kaj lastajn tagojn de la renkontiĝo en Katmanduo-valo, kie situas la ĉefurbo de Nepalo. Tieaj historiaj distriktoj kaj monumentoj atestas ĝian riĉan kulturan pasintecon. Notindaj estas tiuj de Patano kaj Bhaktapuro, kie vi povos vidi kiel nevaraj kaj tamangoj, la originaj etnoj de la valo, restas fidelaj al siaj jarcentaj tradicioj malgraŭ la multeflanka moderniĝo de la valo. En Katmanduo, ni povas organizi paralelajn vizitojn al vidindaĵoj por ke multfojaj partoprenantoj havu novan sperton. Nun eblas per kablotramo grimpi la monton Nilgiri 2500 metrojn altan en la sudo de Katmanduo. Vere ĉiuj aĝgrupoj facile povas ĝui la programerojn.

**Laŭtaga skizo de *Sikles*-Piedvojaĝo:**
la 26an de februaro: Alveno, enhoteliĝo kaj bonvenigo
la 27an de februaro: Vidindaĵoj en Katmanduo
la 28an de februaro: Vidindaĵoj en Katmanduo
la 1an de marto: de Katmanduo al Pokhara (820m alta, 6 horoj)
la 2an de marto: 4 horoj da marŝado (Pokhara - Kalikasthan,1150m alta)
la 3an de marto: 5 horoj da marŝado (Kalikastan - Lamaĉaur 910m alta)
la 4an de marto: 6 horoj da marŝado (Lamaĉaur - Sikles 1980m alta)
la 5an de marto: 6 horoj da marŝado (Sikles - Galegaun 1800m alta)
la 6an de marto: 6 horoj da marŝado (Galegaun - Pokhara 1070m alta)
la 7an de marto: Pokhara - Kathmandu
la 8an de marto: libera tago kaj Adiaŭa Vespero
la 9an de marto: forflugo

**Kontaktu:** s-ro Pradip Ghimire <esploristo@hotmail.com>;

# La 12a Nacia Kongreso de Nepala Esperanto-Asocio, 2016

La 25an de junio 2016 okazis la 12a nacia kongreso de Nepala Esperanto-Asocio en la Esperanto-oficejo. Ĉi-jare partoprenis nur ĉirkaŭ 40 homoj. Multaj homoj ne povis partopreni la kongreson, ĉar nuntempe estas pluvsezono en Nepalo, homoj timis veni al Katmanduo el orienta kaj okcidenta partoj de Nepalo pro la danĝereco de la vojo.

Ni kolektiĝis je la 12a horo en nia oficejo, kaj komencis la programon kun la kantado de himno. Tuj poste ni faris unu minutan silentadon omaĝe al la mortintoj de la pasintjara tertremo. En tiu tertremo ĉirkaŭ 10,000 homoj perdis sian vivon.



Ni ankaŭ honorigis d-ron Zamenhof per nepala kolĉeno kaj lumigante kandelon antaŭ lia tabulpentraĵo. S-ro Himalal Parajuli, vicprezidanto de Nepala Esperanto-Asocio, bonvenigis kaj dankis kongresanojn. Prezidantino s-ino Indu parolis pri la movado kaj situacio de Esperanto en Nepalo kaj poste s-ro Bharat faris mallongan parolon kaj dankis enlandajn kaj eksterlandajn esperantistojn, kiuj helpis por la nepala movado. Ankaŭ novaj esperantistoj ĉeestis la kongreson: kelkaj el ili mem lernis Esperanton kaj kontaktis la asocion.

S-ro Bharat Ghimire, la ĝenerala sekretario de Nepala Esperanto-Asocio, prezentis asocian raporton, kaj kongresanoj multe diskutis en kelkaj temoj. Poste s-ino Sakuntala prezentis financan raporton, kiu estas akceptita de la kongresanoj.

S-ro Baburam Neupane elektiĝis kiel la balota prezidanto por elekti novan estraron por la oficperiodo 2016-17. Malnova estraro mallonge resumis sian oficperiodon. Okazis 2 gravaj programoj en Nepalo dum ilia oficperiodo (la 11a Himalaja Renkontiĝo kaj la 20a AMO-Seminario de UEA). Ankaŭ ili decidis preparon por la 12a Internacia Himalaja Renkontiĝo 2017.

Elektiĝis la 11-kapa nova estraro de Nepala Esperanto-Asocio.

- Prezidanto: S-ino Indu Devi Thapaliya
- Vicprezidanto: S-ro Himalal Parajuli
- Vicprezidanto: S-ro Shree Prasad Pokharel
- Ĝenerala sekretario: S-ro Bharat Kumar Ghimire
- Sekretario: S-ro Prakash Ghimire
- Kasisto: S-ino Shakuntala Dakhal
- Membro: S-ro Deepak Shrestha
- Membro: S-ro Navin Shrestha
- Membro: S-ro Ramesh Aryal
- Membro: S-ro Mukunda Chetri
- Membro: S-ino Binita Rimal

S-ro Krishna kantis kaj kelkaj volontuloj preparis manĝaĵon por la kongresanoj. Manĝante, la nova estraro diskutis pri la venontjara kongreso. Plej probable Orienta Esperanto-Societo gastigos la 13an nacian kongreson en Itahari en taŭga sezono.

Pradip Ghimire (Esploristo),
Nepala Esperanto-Junulara Organizo

# Japanio

## Japana Esperanto-movado en 2015-2016

### 1. Nuna Stato (el “Jarlibro pri Japana E-movado 2015”)

(1) Landa Asocio: Japana Esperanto-Instituto (JEI)
Membraro
individuaj membroj: 1077, grupaj membroj: 63 (julie 2016)
(2) Esperanto-organizoj kaj grupoj en Japanio
Tutlandaj organizoj krom JEI: 3 (Japana E-Junularo, E-Populariga Asocio, Rondo Harmonia)
Regionaj ligoj: 10, Lokaj grupoj: 93, Fakaj grupoj k.a.: 49,
Lernejaj grupoj: 20,
E-libro-eldonejoj: 10 (Eldonitaj libroj en 2015: 18)
(3) Regionaj kongresoj: 7, Seminarioj plurtagoj en 2015: 19

### 2. Raporto kaj plano de JEI en 2015-16

Ĉefaj novaj aktivadoj estas menciitaj jene.

(1) Informado

Jam du allogaj flugfolioj pri Esperanto kaj tute nova flugfolio pri JEI aperis, kaj totala renovigo de la broŝuro “Invito al Esperanto” baldaŭ finiĝos. Ankaŭ la retejo de JEI renoviĝis ĉi-marte. Utiligado de Fejsbuko, Tvitero kaj Jutubo de JEI estas en operacio. Ni eldonas novaĵfolion por amaskomunikiloj “Esperanto Nun” pri diversaj temoj kvarfoje en jaro. De nun ni nepre bezonas efike utiligi ĉi tiujn materialojn kaj riĉigi la enhavon de la nova retejo.

(2) “Montevideo 60”

Ĉefe ĉe la 102-a Japana Esperanto-Kongreso en Sendai ni okazigis publikan prelegkunvenon pri M60 invitinte la ĝeneralan sekretarion de Unesko-Asocio de Sendai. Nia esperantujo bezonas havi plian kontakton kaj kunlaboron kun ekster-esperantujaj organizoj por disvolvado de nia lingvo.

(3) Subtenado por junuloj

JEI faris novan fonduson kaj komencis monhelpon ankaŭ por Esperanto-projektoj de junuloj, ne nur por iliaj internaciaj aktivadoj.

(4) Reviziita eldono de Japana-Esperanta vortaro

Komisiono por tio eklaboris celante la eldonon post kelkaj jaroj. La estro de la komisiono estas Gotoo Hitosi.

(5) Japana Esperanto-Kongreso

En 2015 la 102-a kongreso okazis en Sendai de Mijagi-gubernio. La kongresa temo estis "Espero trans la katastrofo." Kunorganizanto estis Sendai E-Societo. Partoprenantoj estis 407, efektive 258.

Ĉi-jare la 103-a kongreso okazos en Oumihaĉiman de Ŝiga-gubernio. La kunorganizanto estas Oumi-Esperanto-Societo, kaj la kongresa temo estas "Lago Biŭa, Homo, Harmonio."

(6) UK

En ĉi-jara UK, japana ambasadoro rezidanta en Slovakio ĉeestos la Inaŭguron. Venontjara Seŭla UK estas tre bona ŝanco por japanaj esperantistoj en la najbara lando. JEI instigu al multaj partopreni en la UK.

2016 estas la jaro de la 110-jara datreveno de la Japana Esperanto-movado.

(SUZUKI Keiichiro, Prezidanto de JEI)



## Sukcese finiĝis la 65a Kantoo-Kongreso

La 65a Kantoo-Kongreso okazis la 11an kaj la 12an de junio 2016 en la Sporta kaj Kultura Domo de Tokio en la insulo Jume (Revo) kun la partopreno de 91 homoj (efektivaj partoprenantoj estis 48).

Ĉi-foje ni invitis junulon Albert Stalin Tancinco Garrido el Filipinoj kiel la ĉefan gaston. La historio de Esperanto en Filipinoj komenciĝis en 1905, sed la movado ne estis konstanta, kaj eĉ nun ne estas stabila, dependante de la junulara movado iniciatita de Albert. En la prelego li klarigis la historion, la nunajn atingojn kaj problemojn, kaj alvokis internacian helpon al la movado. Kvankam li estas juna, li bone regas nian lingvon, do ĉiuj partoprenantoj miris pro lia talento.




Poste okazis prelego de s-ro HORI Jasuo pri “Fukuŝima - ekde la akcidento ĝis nun”. Li ofte vizitas la marbordan regionon de Fukuŝima kaj fotis multe. Montrante tiujn fotojn, li klarigis, en kia stato estas nuna Fukuŝima. Multaj homoj ne havas okazon viziti Fukuŝima-n, do ili estis ŝokitaj kaj kortuŝitaj pro la mizera stato.

Posttagmeze okazis du fakkunsidoj. Unu estas “Parolu pli kun Albert” kaj la alia estis pri “Domo de Hapsburg”, gvidata de prof. Ooba Acuo.

Je la 3a komenciĝis vizito al la muzeo de La 5a Feliĉa Drako, kiu suferis pro hidrogenbomba eksperimento de Usono en 1954. Tiutempe nukleaj nuboj atakis Japanion kaj aliajn landojn laŭ kaj en la Pacifika Oceano kaj malpurigis ĉion, same kiel la nuklea akcidento en Fukuŝima en 2011. La 5a Feliĉa Drako, tiu impona ligna ŝipo, rememorigis al la partoprenantoj la tragediojn kaŭzitajn de nukleaj eksperimentoj kaj nukleaj akcidentoj en la tuta mondo.

HORI Jasuo

## La 60-a Kjuuŝuu-a Kongreso

La 28an kaj la 29an de majo okazis la 60a Kjuuŝuu-Kongreso en la urbo Dazaihu en la suda Insulo Kjuuŝuu. En ĝi partoprenis 61 homoj inkluzive de 16 moralaj partoprenantoj.

Je la 13a horo s-ro Jamaŝita Toŝihiro (belmonto) montris, kiamaniere oni povas enmeti Esperanto-vortaron en la poŝkomputilon (smartfon). Post vespermanĝo, s-ro HORI Jasuo prelegis kun la temo "Kion oni povas fari per Esperanto", kaj la kunsidantoj prezentis siajn spertojn kaj fine s-ro Hori konkludis, ke oni fidu Esperanton kaj havu celon, samtempe lernante Esperanton diligente. Je la 21a horo s-ro Haŝiguĉi Ŝigejuki prezentis sian Esperanto-klason en mezlernejon. Poste s-ro Harada Cukuru (Faro) parolis pri sia sperto pri la tertremoj en la gubernio Kumamoto.

En dimanĉo, okazis prelegoj de du koreoj: s-ro Park Jong Sung (Nema) parolis pri ĉarmoj de "Fundamenta Krestomatio" kaj s-ino O Gisuk (Granda) invitis la kongresanojn al la 102a UK okazonta en Seulo. S-ino Oŝioka Taeko parolis pri ĉi-jara "Pacmesaĝo-kolektado" okaze de la virina tago, kaj fine s-ro Nitta Takamichi parolis pri "Konkurso de kontribuado de artikoloj al internaciaj gazetoj", kiu celas, ke japanaj esperantistoj pli agadu internacie. Dume virinoj prezentis ombro-teatraĵon "Aranea fadeno".

Tiu ĉi kongreso estis la memoranda 90-jara jubilea kongreso kaj dank' al multaj partoprenantoj ĝi vere sukcesis.

## La 65-a Tookai-Esperanto-Kongreso

La 4an kaj la 5an de junio okazis la 65a Tookai-Kongreso en la urbego Nagojo kaj partoprenis en ĝi 20 homoj. En sabato s-ro Hotta Hirohiko parolis pri la Monda Ĵamboreo okazinta en Japanio kaj propagando de Esperanto en ĝi. Poste s-ino Fuĵimoto Hideko parolis skajpe kun koreaj samideanoj kaj poste ĉiuj prove parolis kun ili. Vespere s-ro Ogaŭa Hirohito parolis pri "Transitivaj kaj netransitivaj verboj". En dimanĉo s-ro Egaŭa Harukuni parolis pri "Ĉu Esperanto povos fariĝi monda heredaĵo?"

La ĉefa organizanto de la kongreso s-ino Takezaki Mucuko ne aperis en la kongreso, do ĉiuj sentis, ke io ne kutima okazis al ŝi, kaj trovis, ke ŝi mortis hejme. Do ĉiuj preĝis por ŝi pacon en la paradizo.

*S-ino Takezaki Mucuko estis tre fervora esperantisto, partoprenante en multaj Esperanto-kongresoj. En marto ŝi donacis monon al viktimoj en la tertremo de Nepalo. Ŝi estis mia amikino kaj en la lasta jaro mi estis inivitite parolis en la 64a Tookai-Kongreso. Ŝia morto estas granda ŝoko por mi kaj mi sentis grandan malĝojon.

# Mongolio

## Koncizan informon pri mongola movado

1) La 2an de junio la Estraro de Mongola Esperanto-Societo diskutis pri:

1. okazigo de la 3a Mongola Kongreso en Ulanbatoro, planata en aŭgusto de 2017/;
2. okazigo de la 1a Renkontiĝo de mongolaj kaj internamongolaj esperantistoj en Huhehoto, Interna Mongolio, Ĉinio, /planata en junio aŭ julio de 2017/.

2) La 28an de junio Prezidanto de Mongola Esperanto-Societo s-ro Chimedtseren Enkhee vizitis Huhehoto. Tie li renkontiĝis kun estraranoj de Esperanto-Asocio de Interna Mongolio kaj tieaj ceteraj esperantistoj. Ili diskutis pri venontaj kunlaboroj.

Tiam ambaŭflanko interkonsentis, ke la Asocio de Interna Mongolio sendos siajn 10 komencantojn al Mongolio en aŭgusto 2016 por ilia unusemajna E-kurso.

3) Antau tiu vizito, s-ro Enkhee, kiel Sekretario de KAEM, vizitis Pekinon kun s-ro Inumaru Fumio, vicprezidanto de KAEM, dum la 21a-23a de junio, kaj poste dum la 24a-27a de junio en Xi'an por diskuti

pri preparaj laboroj kaj programeroj de la 8a Azia Kongreso en Quanzhou, Ĉinio.

4) Laŭ interkonsento de Mongola Esperanto-Societo kaj la Ulanbatora Universitato pri Sociosciencoj, ekde oktobro 2016 oni okazigos la fakultativan elementan kurson de Esperanto en la universitato.

Chimedtseren Enkhee chimedtserenenkhee@yahoo.com

# Filipinoj

## Esperanto-movado en Filipinoj (1)

En la 65a Kantoo-Esperanto-Kongreso (Japanio, la 12an de junio) Alberto Garido el Filipinoj prelegis pri Esperanto-movado en Filipinoj.

**SUPERRIGARDO**

- Filipinoj estas hejmo de unu el la plej novaj landaj Esperanto-movadoj en Azio kaj en la tuta mondo.
- La lando havis spurojn de Esperanto-movado en la pasinta jarcento, sed tiuj ne estis fortaj nek longvivaj, kaj ili eventuale malaperis. Tial, la lando havas longan historian, sed ankaŭ estis longaj paŭzoj.
- Estas notinde, ke 90% el la komunumo de Esperantistoj en nia lando nuntempe konsistas el gejunuloj*

**HISTORIO**

- Tiel frue kiel 1901 jam aperis la unuaj spuroj de Esperanto kaj ĝia movado en la filipina insularo. Tiam Esperanto atingis Filipinojn eĉ pli frue ol aliaj landoj en Azio.
- Aperis unuaj Esperantistoj en la lando en 1901 (laŭ registroj). La unua Esperantisto, onidire, estas d-ro H.W. Yemans, kirurgisto de usona armeo. (Notu ke tri jarojn antaŭe [1998], Usono

ekokupis Filipinojn.) Li estis oficiala reprezentanto de Filipinoj en UK-1908 en Dresdeno.

- La unuaj Esperantistoj en la lando, krom d-ro Yemans, estas s-ro S. Garcia Roxas kaj f-inoj Felicida kaj Maria Paz Zamora. Ĉiuj estas en Manilo, kvankam ni ne certas, ĉu ili estis filipinanoj aŭ hispanoj.
- En 1907, fondiĝis Filipina Esperanto-Asocio, kaj samjare la organizo komencis eldoni "Filipina Esperantisto" ĝis 1909, ĝis kiam d-ro Yemans devis reveni al Usono.
- En 1911, la unua Esperantlingva libro aperis en Filipinoj, titolita "Eĥoj el Manila", de Edgar McLellan.
- En la sama jaro 1908, jam estas iu Esperanto-organize en Filipinoj, kiu nomiĝis "Philippines Esperanto Association", tamen nur unu registro rakontas pri ĝia ekzisto:
- (Dekstre) Artikolo kun dato 8/31/1908, kiu menciis pri la organize furoranta inter filipinanoj. Laŭ la artikolo, la organizo havis eĉ 700 membrojn – tiom multe!

"Aŭgusto 31: PLEJPARTE OKAZOJ EKSTER USONO
Esperanto ŝajne ankoraŭ gajnas popularecon, kun la filipina Esperanto-Asocio listiginte 700 membrojn dum eĉ pli da kandidatiĝoj venas. Dum la plej lasta propaganda kunsido de la organizo, Miss Florentina Jose rekomendis la internacian lingvon al Filipinoj. Ŝi ankaŭ deklamis poezion en Esperanto, kaj ŝi impresis sian spektantaron pro bonega prononcado."

- Interesa malkovro:

  (Dekstre) Poŝtmarko (ene de la ruĝa kvadrato) de poŝtkarto, kiun oni sendis de Candaba, Pampanga al Usono. Ĝi havas daton 11 Novembro 1908.

- Estis longaj paŭzoj, de 1911 ĝis antaŭ la 1930aj jaroj, kaj ĝis antaŭ la dua mondmilito. Ni ne scias, kio okazis al la Filipina Esperanto-Asocio. Tamen, novaj spuroj aperis malfrue en la 1960aj jaroj.

- En 1968, unu el radiostacioj en Manila, Far East Broadcasting Company en Valenzuela-urbo, elsendadis kvaronhoran programon dufoje semajne.
- En 1969, 200 studentoj eklernis Esperanton en la kolegio Zaragoza, en Tayug-urbeto, en la province Pangasinan.
- En 1995, okazis Esperanto-kurso, kiun partoprenis 69 homoj. Poste fondiĝis nova Filipina Esperanto-Asocio, kies ĉefgvidanto estis s-ro Teng S. Uban de universitato Ŝarif Kabunsuan. Ni ne scias, kio okazis al la organize poste.
- En 2006, eminenta Esperanto-instruisto el Nepalo, s-ro Bharat K. Ghimire, estis sendita al Filipinoj por reestabli la Esperanto-movadon. Li sukcese okazigis kursojn en la Universitato de Filipinoj, Universitato de Sanktulo Tomaso,(UST), kaj en la Filipina Normala Universitato. (PNU)
- Je la 22a de Septembro 2006, okazis la unua Filipina Esperanto-Kongreso, kiun partoprenis ĉ. 22 homoj. Tie, fondiĝis la Esperanto-Asocio por Filipinoj (EAPF), kaj prof-ino Lydia Liwanag de PNU elektiĝis kiel prezidanto. Tamen, ŝi tute ne parolas Esperanton.
- Kelkajn jarojn poste, s-ro Hori Jasuo ankaŭ vizitis Filipinojn por okazigi Esperanto-kurson.
- Post la kongreso la agado de EAPF ne viglis, kaj ĝi eventuale formortis post kelkaj jaroj.
- Tamen, tiu parto de la historio de la movado forlasis gravan heredaĵon. S-ro Jeordan Sugue, la tiama vicprezidanto de EAPF, verkis malneton de tagaloga-Esperanto-angla vortaro. Ĝi estis jam preskaŭ finita, kun suffice abunda numero da vortoj, sed pro multaj eraroj oni ne publikigis la libron. Hodiaŭ, dosierojn de la vortaro mi ankoraŭ havas ĉemane.
- Post sep jaroj, la tiama 15-jara altlerneja studento Albert Stalin Garrido komencis organize lokan grupon de Esperantistoj ĉe

Fejsbuko. Samtempe, li gvidis la tradukadon de lernu.net al la tagaloga lingvo.

- Je la 19a de Septembro 2013, li, kun du aliaj junaj studentoj, 13-jara Carl Joshua Quines kaj 16-jara Jecel Marie Manabat, en la Scienca Altlernejo de la urbo Valenzuela, fondis “Filipina Esperantista Junulara Asocio” (FEJA).

Poste, ekde 2014, la nomo ŝanĝiĝis al “Filipina Esperanto-Junularo” (FEJ), kiu estas uzata ĝis nun. Mirakle, ke FEJ, post preskaŭ tri jaroj, ankoraŭ vivas.

## Projektoj de KAEM

**Projekto A: Azia Kongreso**
A-1: Okazigi Azian Kongreson ĉiun duan jaron.
A-2: Partoprenigi necesajn homojn en Azian Kongreson, kiuj ne pagipovas la kotizojn ktp, per la subvencio el Fondaĵo Azio de UEA.

**Projekto B: Kunlaboro**
B-1: Regule kunveni en ĉiu Universala Kongreso kaj Azia Kongreso.
B-2: Organizi fakkunsidojn pri Azio dum Universala Kongreso.
B-3: Eldoni "Esperanto en Azio"-n en januaro, aprilo, julio kaj oktobro ĉiun jaron kaj sendi tiujn al pli multaj homoj en la tuta Azio.
B-4: Kolekti mondonacon al Fondaĵo Azio de UEA por subteni la eldonon de "Esperanto en Azio". Laŭlandaj tarifoj po unu homo estu jenaj aŭ pli:

| | | | |
|---|---|---|---|
| Japanoj, Israelanoj: | 20 eŭroj, | Koreoj: | 10 eŭroj, |
| Ĉinoj: | 5 eŭroj, | Aliaj azianoj: | 2 eŭroj |

B-5: Kolekti informojn pri movadoj diverslandaj por ke esperantistoj povu reciproke kunlabori por la azia movado.
B-6: Eldoni "Jarlibron de KAEM" ĉiun jaron.

B-7: Subteni projekton "Ĝemelaj Urboj" kaj helpi ĝemeliĝojn inter urboj kaj E-kluboj.

**Projekto C: Rilate al UEA kaj ILEI**

C-1: Aligi ne-aliĝintajn landajn asociojn al UEA.

C-2: Membrigi aziajn aktivulojn al UEA per Fondaĵo Azio de UEA. Ili ricevos ĝian organon "Esperanto" ĉiun monaton.

C-3: Membrigi junajn Esperantistojn en Azio al ILEI (Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj). Ili regule ricevos "Juna amiko"-n.

C-4: Subvencii al la partoprenontoj de UK aŭ ILEI-konferenco pri kotizo aŭ vojaĝkosto laŭ bezono.

**Projekto Ĉ: Edukado**

Ĉ-1: Sendi Esperanto-instruistojn al bezonataj landoj.

Ĉ-2: Starigi TTT-ejon por instrui Esperanton en aziaj lingvoj.

**Projekto D: Esperanto-libroj**

D-1: Eldoni necesajn librojn.

D-2: Subvencii pri eldonoj de necesaj libroj.

D-3: Peri transdonon de libroj de donacantoj al kluboj, asocioj ks. Pagi sendkoston por tio.

D-4: Aĉeti Esperanto-lernolibrojn, vortarojn ktp al kluboj, asocioj.

# Esperanto-eventoj

## Tutmonde

2016. 7.16~23 / La 89a SAT-Kongreso (Herzberg am Harz / Germanio)

2016. 7.23~30 / La 101a Universala Esperanto-Kongreso (Nitra / Slovakio)

2017.7.22~29 (verŝajne) / La 102-a Universala Kongreso de Esperanto (Seulo / Koreio)

## Azio

9.17-19: Aŭtunaj tagoj de Esperanto-Domo de Jacugatake (Japanio/Jamanaŝi)
10.1-3: 48-a Korea Kongreso de Esperanto (Koreio/Seulo)
10.8-10: La 103-a Japana Esperanto-Kongreso (Japanio/Ŝiga)
11.3-8: La 8-a Azia Esperanto-Kongreso (Ĉinio/ Quangzhou)
11.5-6: La 17-a Ĉuugoku/Ŝikoku-Esperanto-Kongreso (Japanio/Ehime)
11.26-27: Namkang-a Esperanto-Lernejo (Koreio/Chongdo)
12.30 – 2017.1.2: Transjara Kurskunveno de Esperanto (Japanio/Kameoka)

## KAEM-anoj

**Ĉinio:** Wang Ruixiang lamondo@163.com
Prezidanto, Projekto A (Preparado de la 8-a Azia Kongreso en Ĉinio)
**Japanio:** Inumaru Fumio inumaru-f@nifty.com
Vicprezidanto, Projekto C (Membriĝo), Subteno al Indonezio, Filipinoj, Ekspedo de la bulteno "Esperanto en Azio"
**Mongolio:** Chimedtseren Enkhee chimedtserenenkhee@gmail.com
Ĝenerala sekretario (pri subvencio kaj elspezo el buĝeto), Reviziisto de KAEM-buĝeto, Interrilato kun UEA
**Hindio (Barato):** Giridhar RAO agiridhar.rao@gmail.com
Interrilato kun UEA (Raportoj al UEA pri KAEM-agado), Subteno al Srilanko
**Irano:** Omid Rohanian omid.rohanian@gmail.com
Subteno al najbaraj landoj de Irano (Arabaj landoj)
**Nepalo:** Mukunda Raj Pathik mpathik@gmail.com
Organizo de SAS (Sud-Azia Seminario), Projekto Ĉ (Edukado)
**Vjetnamio:** Le Thi Thien Thu lethienthu.esper@gmail.com
Subteno al Sud-Orientaj landoj (Laoso, Kamboĝo, Tajlando, Malajzio)
**Pakistano:** s-ro Tariq Umar Chaudhry tariquch@gmail.com
Subteno al najbaraj landoj (Bangladeŝo, Afganio), Organizo de SAS
**Taĝikio:** Firdaus Shukurov komintel@yandex.ru

Interrilato kun Centr-aziaj landoj (Kazaĥio, Uzbekio, Kirgizio, Azerbajĝano, Turkio kaj Rusio)

**Koreio:** Kim Hiongun nomota@mobigen.com

Projekto D (Publikado kaj sendado de lernolibroj, lerniloj de Esperanto), retejo de KAEM

**Israelo:** Eran Vodevoz evodevoz@yahoo.com

Projekto B, Interrilato kun eŭropaj landoj kaj afrikaj landoj, nord- kaj sud-Amerikoj

**Indonezio:** s-ino Ilia Sumilfia Dewi ilia.dewi@gmail.com

**Honoraj prezidantoj de KAEM**

Puramo CHONG (Koreio)

Hori Jasuo (Japanio): hori-zonto@water.sannet.ne.jp

Kompilado de la bulteno "Esperanto en Azio"

Lee Jungkee (Koreio): esperanto@saluton.net

Sasaki Teruhiro (Japanio): steruhiro@hotmail.com.co.jp

**Estrarano de UEA** Lee Jungkee (Koreio): esperanto@saluton.net

**Redaktoro parolas:**

Mi rapide redaktis tiun ĉi numeron por ke oni povu utiligi tiun ĉi nemeron en la UK en Nitra. Mi metis en ĝi "Projektoj de KAEM", ĉar ĝi estos utila en la diskuto por krei nian novan agadplanon.

(HORI Jasuo)

……………………………………………………………………….


**Esperanto en Azio**

Eldonanto: Komisiono de UEA pri Azia Esperanto-Movado

Adreso de KAEM: ĉe Japana Esperanto-Instituto (JEI)

Japanio 162-0042 Tokyo-to Sinzyuku-ku Waseda-mati 12-3

Reta adreso al KAEM: <azio@yahoogroups.com>

TTT-ejo de KAEM: http://www.esperantoazia.net/

Redaktoro: HORI Jasuo <hori-zonto@water.sannet.ne.jp>

Japanio 371-0825 Gunma-ken Maebaŝi-ŝi Ootone 2-13-3